

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XXII - Nº 264 JULIO-AGOSTO

Grupo da partoprenantoj en la 8-a HEJS tendaro, okazinta en Kordovo.

## BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Directora: María Aurora Viloria

DIRECCION Y ADMINISTRACION

Apartado, 119; 47080 VALLADOLID

REDACTOR JEFE

Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40
Tfno: (93)338081
08028 BARCELONA

COMITE DE REDACCION

Giordano Moya
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Aduriz


# ENHAVO

Paĝo




Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid


# UTILAJ ADRESOJ

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Apartado, 119
47080 VALLADOLID

**Prezidantino**

María R[illegible] Urueña Alvarez
Avda. R[illegible] y [illegible], 12, 2º C.
Tfno (98[illegible]) 260[illegible]
47011 VALLADOLID

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde, 8, [illegible] A
47014 VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana 6
Avda. Vicente Mortes
47014 VALLADOLID

**Libro-Servo de H.E.F.**

José González Suárez
Apartado, 119
470[illegible] VALLADOLID

Pagoj por libro servo sendu al unu el la jenaj kontoj

Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cta. Nº [illegible]8 4 a nombre de
LIBRO [illegible] DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Eldona Fako**

Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35, 4º
50001 ZARAGOZA

**Ĉefdelegito de U.E.A.**

Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila, 127 portal 7, 2º Izda.
Tfno: (942) 339487
Cuenta Postal 03548531
39003 SANTANDER

**Informa-Fako**

Enrique Piquero Vázquez
Asin y Palacios, 8, 6º A
50009 ZARAGOZA

# 8-a HEJS-TENDARO

## Nova Junulara Sukceso

Jen antaŭ mi, tasko preskaŭ neplenumebla: mi devas verki detalan sed ne longan, seriozan sed ne tedan artikolon pri la pasinta HEJS-Tendaro en Kordovo. Fakte nun, je la komenco, mi ne scias ĉu mi digne verkos ĝin. Estu la leganto, kiu prijuĝu. Sanĝon mi proponas: ne legu ĉi tiun artikolon, partoprenu la venontan tendaron en Malago.

Brile okazis, je la anoncitaj datoj, la 8-a Tendaro de HEJS, kiu ĉiujare altiras pliajn partoprenantojn kaj akiras pli grandan Esperanto-nivelon. Pri la lasta punkto, mi devas diri ke danĝeraj krokodiloj ĉiam envenas Esperantujon klopodante nin detrui. Troviĝas tamen heroaro, kreskinta sub la HEJS-radioj kiu senĉese evitas iliajn misfarojn en tiuj aranĝoj.

La nombro de partoprenantoj verŝajne ekvilibras je kvindek-sesdek. Tamen ni konstatis nun la ne reprezenton de urboj, kiuj antaŭe ofte partoprenis. Almenaŭ la geografia distribuo de la tendaranaro estis kontentiga: Malago, Almerio, Seviljo, Kordovo —logike—, Elkso, Alakanto, Valencio, Zaragozo kaj Madrido; pardonon mi antaŭpetas se mi iun forgesis.

Ni devas danki la urbestraron de Kordovo pro ĝia afabla pago de la tuta tendara loĝado. Ankaŭ al la kultura rondo «Juan 23» ni devas danki pro ĝia senkondiĉa preteco lasi je nia tuta dispono taŭgegan ejon.

La vendredon okazis la akceptado de gepartoprenantoj, kaj ni povis dumnokte koni la urbon. Ĉi tiuj unuaj distraj programeroj preparis la aktivulojn por la maratona labortago, kiu atendis ilin la sabaton.

Matene okazis andaluza kunveno, kromaranĝo de la Tendaro, kiu decidis pri la Statuto de la fondota Andaluza Esperanto-Asocio. Pri tio tamen, ĉar neandaluzo, mi ne rajtas raporti. Mi simple devas diri, ke, iom post iom, la esperantista agado en Andaluzio vigliĝas. Espereble ĝia entuziasmo iros en la ceteran Hispanion. Aliflanke des pli granda ĝojo estas por mi, ke la aktivantoj de la andaluza movado tre junas. Tuj post ĉi tiu kunveno oni disdonis la dokumentojn kaj komenciĝis la oficiala malfermo de la Tendaro. Ni multe dankas la salutojn ricevitajn: de Salvador Aragay, nia honora prezidanto; Maria Rafaela Urueña, prezidantino de H.E.F., kaj de la bahaia junularo de Hispanio. La persone tieaj salutantoj precipe laŭdis la gastamon de la kordovanoj.

Antaŭ la okazigo de la Ĝenerala Kunsido/ HEJS-Komitato, ni unuafoje elektis komitatojn (La komitato estas la ĉefa gvidorgano de HEJS laŭ ĝia nova statuto). La Ĝenerala Kunsido pritraktis la ĉiamajn temojn organizajn.

Mi ne enuigos vin pri la detaloj: simple mi diros, ke post konversaciaj karamboloj, tensetaj ŝokoj —inter

kiuj troviĝis mia eventuala demisio— kaj eĉ ekpensoj, ke la Asocio malfondiĝus pro neintereso, ni ĉiuj atingis la komunsencan konkludon absolute ne plu okupiĝi pri burokrataj aferoj, kaj komenci agadi de nun por Esperanto t. e. disvastigi la Aferon, altniveligi nian lingvo-kapablon, enirigi nian lingvon en ĉiujn kulturajn kan junajn rondojn, servi al la junularo per Esperanto, puŝi nin je la vigligo de la ĝenerala hispana movado, k.t.p. Esence kaj resume: fari finfine ion utilan.

Por ĉio ĉi ni kreis diversajn komisionojn, kiuj prilaboros konkretajn projektojn. La plejmulto el ili promesis prezenti informon pri sia laborado en la venonta nacia kongreso. Jen ili:

Komisiono pri Instruado (J. Camaĉo, R. F. Albert) intencos projekti rektan kaj korespondan kurson de Esperanto, kaj la okazigon, almenaŭ unufoje de la internaciaj ekzamenoj de UEA en Hispanio.

Komisiono pri Ekstera propagando (Carles Moya) broŝuro pri HEF/HEJS en ĉiuj oficialaj hispanaj lingvoj —necesas kontakto kun HEF.

Subkomisiono pri Interna Propagando (A. Franco, M. A. Sancho): kovertoj, folioj gluaĵoj, broŝuro en Esperanto pri HEJS, afiŝoj, aliĝiloj, k.t.p.

Jubileo: kontakto kun la Hispana Jubilea Komisiono (M. A. Sancho)

Baldaŭ ni kreos propran komisionon.

Tendaro: Grupo de Malago.

Laŭ la nombro de interesitoj kaj la povo de niaj fortoj ni kreos pliajn komisionojn, kiuj okupiĝos pri konkretaj taskoj. Tamen nia Asocio estas ankoraŭ eta. Prefere ni faru malmulton bone, ol multon fantasme.

Aliflanke oni decidis eldoni specialan jubilean numeron de HEJS-Juneco. La nomumojn de la estraro kaj la diversajn redaktorojn mi prezentas aparte. Post ĉi tiu densa kunveno okazis festo, kiun espereble ĉiuj ĝuis (la plejmulto foriris antaŭ ol ĝi finiĝis... kial?). La postan matenon ni profitis por iomete turismi: ni vizitis la moskeon, la alkazaron kaj diversajn muzeojn. Aliaj ekskursis for de la urbo. Kuniĝinte denove ĉe la Alkazaro ni nin oficiale fotis reciproke. Antaŭe ni avide manĝis kukon reprezentantan la plenagadajn 25 jarojn de HEJS. Fine ni adiaŭis unu la alian.

Por tiuj, kiuj restis, ankoraŭ okazis vere interesa prelego pri interlingvistiko. Ni ĉiuj povis interŝanĝi ideojn, kiuj espereble fruktodonos je serioza reserĉado. Estas trafa celo por esperantistaj universitatanoj direktigi iliajn tezojn al interlingvistikaj studoj. La nokto fermis la Tendaron per projekciado de lumbildoj pri pasintaj Tendaroj, la U. K. en Budapeŝto, kaj bela festo «Fallas» fare de valenciaj samideanoj. La lundon la restantaj readiaŭis.

Mi deziras profiti la okazon por danki al la kordova grupo kaj speciale José María Rodríguez ilian longan laborandon por la Tendaro.

Esperable la enuo ne estis tiel granda, ke vi ne povis atingi ĉi tiun lastan eron de la artikolo. Mi reinvitas vin: pli bone estas partopreni niajn tendarojn. Vi emos ripeti.

**Miguel A. Sancho**

# Konkludoj de la 8-a Hejs-tendaro

1. Konsciiĝi pri la neceso forgesi la internajn burokratajn problemojn kaj finfine komenci eksteran laboradon por Esperanto, laŭ la jenaj celoj:

a) Propagando al la junularo, pri Esperanto
b) Lingva alta nivelo de la junaj esperantistoj
c) Krei novajn servojn
d) Ankoraŭ pli multe seriozigi ĝian laboron en la hispana kaj internacia ĝenerala movado.

2. Densigi niajn klopodojn je la instruado de Esperanto al gejunuloj.
3. Solidigi nian ĉeeston al naciaj kongresoj per konstruaj iniciatoj kaj propraj specifaj programeroj.
4. Oftigi niajn rilatojn kun aliaj junularaj neesperantistaj organizoj, kaj atingi kontakton kun oficialaj prijunularaj instancoj.
5. Apogi ĉiun seriozan iniciaton plibonigi la hispanan movadon. La hispana esperantista junularo agnoskas la nuntempe nekontentigan situacion de la lingvo-nivelo kaj proponas seriozan agadon por plibonigi ĝin.
6. Apogi de nia neŭtrala pozicio, ĉiun sinceran iniciaton celanta eviti militon kaj detruon de la naturo.

## H.E.J.S.-ESTRARO

Prezidanto: Miguel A. Sancho (Madrido)
Vicprezidanto: Carles N. Moya i Seguí (Valencio)
Generala Sekretario: José María Rodríguez (Kordovo)
Kasisto: Ricardo F. Albert Reyna (Madrido)

**Redaktoroj:** HEJS-JUNECO: Ricardo F. Albert Reyna kaj Jorge Camacho
Atocha, 98, 4º; 28012-MADRID
KONCIZE: Alberto Franco
Sol, 85; 41003-SEVILLA

# Ankorau unu listo da landnomoj

## Bernard Golden



Mi ne scias, ĉu iu sociologo aŭ psikologo jam faris esploron pri ripetiĝantaj, ciklaj fenomenoj en la Esperanto-movado. Miaopinie, li trovos nemalmute da donitaĵoj por formuli profunde signifajn teoriojn pri reformtendencoj sur la tereno de planlingvoj. Ekde la estiĝo de Esperanto diversspecaj ondoj da reformoj laŭperiode atingas la bordojn de Esperantujo por provi forlavi nekonsekvencojn, malfacilaĵojn kaj neregulaĵojn el la zamenhofa lingvo. Kelkfoje, post retiriĝo de la ondoj, la lingvouzo fariĝas pli bela, pli preciza, pli internacia, sed alifoje la inundo alportas aron da komplikaĵoj, balasto kaj konfliktaj nocioj. Plej rimarkinde estas, ke tiu ĉi speco de ondado ŝajnas preskaŭ same regula kiel la tajdo. Ĉiu generacio de esperantistoj travivas atencojn kontraŭ la Fundamento en la formo de senĉapeligo de la alfabeto, fakultativigo de la akuzativo, enkonduko de mankantaj pronomoj kaj prepozicioj, ks. Dum la reformkampanjoj furoras, pluraj periodaĵoj fariĝas senfundaj putoj plenaj de cerbpista polemikado, sed ĝuste kiam oni prognozas la finon de la unueca karaktero de Esperanto, la ondo disŝaŭmiĝas kontraŭ la granitajn klifojn de la Lando de la Eternaj Verduloj, kaj ilia lingvo daŭrigas sian evoluon, kvazaŭ ne estus tuŝinta ĝin eĉ guteto da inko de la plumoj de reformemuloj.

Nuntempe ekzistas vera konjunkturo por la reformismo. Muĝas ondoj da supersignofobio, venantaj de ĉiuj direktoj, kaj la dua cikla fenomeno nun alproksimiĝanta sian kulminon estas la landnoma demando. Kiu ne verkas artikolon aŭ almenaŭ leteron al iu redakcio pri la solvo de tiu problemo, apenaŭ agas laŭmode en Esperantujo. Ĉu la proksima jarcenta jubileo de Esperanto efikas kiel stimulilo por rapidigi la forigon de tiu kaosa aspekto de la Internacia Lingvo? Ĉu estas kredeble, ke dum tri jaroj oni sukcesos trafi celon, kiu ne estis atingebla dum naŭ jardekoj?

Spite al ĉio, kelkaj optimistoj opinias, ke ili ja malkovris la magian formulon, kiu elsorĉos ordon, kaj tiucele ili proponas regulojn por sistemigi la manieron esperantigi landnomojn. Kelkaj verkas preskaŭ monografion pri nur unu landnomo,

ekzemple «Ukrajno»(1), aliaj kompilas listojn de proponitaj nomoj kaj submetas ilin al voĉdonado. Ili naive kredas, ke tiel estas eble elekti racie la plej bonan formon inter pluraj variaĵoj. Tie ĉi ne estas loko analizi la enhavon de ĉiuj verkoj aperintaj dum la lastaj jaroj aŭ eĉ monatoj. Unu el la plej ambiciaj esploroj estis farita de la prezidanto de la Akademio de Esperanto, d-ro André Albault, kiu kolportas siajn proponojn en kaj ekster la Akademio(2). Alia entreprenema landnomulo estas Stefan Maul, la redaktoro de MONATO kaj LA JARO, kiu malavare disponigas spacon en sia magazino por pritraktado de la temo(3). Lastatempe trafis en miajn manojn cirkulero verkita de Bertil Wennergren, titolita —ne tro originale— **Landnomoj en Esperanto-Propono de Solvo**. La sveda aŭtoro listigas la principojn de sia sistemo kaj ties regulojn por la formado de landnomoj en Esperanto kaj ilustras ilin per preskaŭ 200 ekzemploj. En tiu ĉi listo, same kiel en tiuj de Albault kaj Maul, troviĝas kelkaj elstaraj nekonsekvencoj, bizaraĵoj kaj sensencaĵoj, kiuj neniam estos akceptitaj, nek de la verda popolo, nek de la loĝantoj de la koncernaj landoj. Kelkaj strangaĵoj estas enkondukitaj, ĉar la obseditaj formulantoj de reguloj ne kuraĝas permesi la ekziston de esceptoj, t. e. nomformoj ne akordantaj kun iliaj arbitre elpensitaj principoj. Sed sur la alia flanko de la monero troviĝas landnomoj, kiuj restas en la sistemo malgraŭ sia neregula formo, ĉar ne estas eble konformigi ilin al iu ajn ĝenerala principo. Ni rigardu kelkajn nomojn en la listo de Wennergren por konstati, ke malgraŭ tripaĝa klarigo, li ne sufiĉe profunde esploris la demandon. Oni povas diri la samon pri la menciita listo de Albault. Vidu mian kritikon pri lia uzo de «portugo»(4).

**Meksik**. Wennergren opinias, ke estas eble derivi landnomon de la nomo de ĉefurbo per la aldono de «—io»: Meksiko (ĉefurbo); Meksikio (lando). Sed ĉu li ne scias, ke estas ankoraŭ unu loknomo, tiu de la ŝtato, kiu en la hispana lingvo estas **México**, same kiel la nomo de la ĉefurbo kaj la lando? Evidente ne eblas uzi «—io» por diferencigi urbon disde ŝtato, kiel **Plena Ilustrita Vortaro** (PIV) faras en la kazo de usonaj ŝtatnomoj: Nov-Jorko (urbo); Nov-Jorkio (ŝtato). Cetere, Wennergren evitis pritrakton de tre okulfrapa escepto: Brazilo (lando); Brazilio (urbo).

**Gvatemalio**. Landonomo, kiu ne estas akceptinda estas «Gvatemalio». Tradicie la landnomo estas «Gvatemalo» kaj la ĉefurbo nomiĝas «Gvatemalurbo», same kiel la ĉefurboj de Meksiko kaj Panamo estas Meksikurbo kaj Panamurbo respektive. Nekredebla bizaraĵo estas la ĉefurba nomo «Gvatemalo Nova» registrita **en Poŝatlaso de la Mondo**.

Wennergren asertas, ke «neniel utilus ŝanĝi la «v» en nomoj kiel «Gvatemalio» kaj «Paragvajo» al «u». Li tute malpravas. La «v» estas orelagaca sono, kiu ne troviĝas en la etnolingvaj nomoj **Guatemala** kaj **Paraguay**. Tiu tiel nomata tradicia substituo de «v» al «u» estigis dum la periodo, kiam parolantoj de la slavaj

kaj germanaj lingvoj estis plimulte-nombraj en Esperantujo el parolantoj de latinidad lingvoj. Tiuj ĉi sen iu ajn malfacilaĵo povas ĝuste prononci la hispanan silabon **gua**. Pro tio lastatempe venas proponoj skribi «Gŭatemalo» kaj «Paragŭajo» en Esperanto.

**Godoranoj/dodoranoj**. Wennergren proponas, ke oni formu vortojn por loĝantoj regule per la sufikso «—an», kaj li donas kiel ekzemplojn i.a. «usonano» kaj «ano de la Germana Demokratia Respubliko». Jen fenomeno de malsimetrio. «Usono» estas akronimo formita per la unuaj literoj de la anglaj vortoj **United States of North America** (U + S + O + N). Ĝi tute ne estas internacia nomformo sed arbitre kreita esperantismo. Kial Wennergren ne agas konsekvence, kreante la landnomon «Godoro» per la inicialoj de «Germana Demokratia Respubliko»? La mallongigo «GDR» estas ofte uzata en Esperanto. Alternativa landonomo estas «Dodoro», formita per la unuaj literoj de la germana nomo **Deutsche Demokratische** Republik (DDR). Estas multe pli oportune nomi la loĝantojn «godoranoj» aŭ «dodoranoj» anstataŭ «anoj de la Germana Demokratia Respubliko», la buŝpleniga ĉirkaŭparolo proponita de Wennergren.

**Nomoj kun ligostrekoj.** Kial estas skribitaj kun ligostreko nomoj kiel «Kosta-Riko», «Siera-Leono» kaj «Sri-Lanko»? La elementoj de tiuj nomoj ne estas Esperantaj morfemoj kiel tiuj en «Nov-Zelando» kaj «Sud-Afriko». Oni skribu la unuajn tri kiel «Kostariko», «Sieraleono», kaj «Srilanko».

**Sankta, San kaj Sao.** Granda problemo estas la esperantigo de la vorto «sankta» en diversaj lingvoj. En la listo de Wennergren troviĝas tri formoj: Sankta (Esperanto); **San** (itala); Sao (portugala). Vane oni turnas sin al aliaj konsultlibroj en Esperanto; la kaosa konfuzo estas nekredebla!

**Diskriminacio**. La elekto de landnomoj fare de Wennergren estas diskriminacia. Troviĝas «Estonio» sed mankas la du aliaj ĉebaltaj landoj, «Litovio» kaj «Latvio». Se «Skotio» estas inkludita, kial ne ankaŭ «Kimrio»? Kaj kiel povas okazi, ke en listo de landoj kompilita de skandinaviano, ne estas proponita esperantigo de **Gronland?**

Estas eble daŭrigi tiun ĉi analizon, sed mi nur volis montri per kelkaj ekzemploj, ke estas bezonataj ne longaj listoj de proponitaj landnomoj, sed profundaj esploroj pri unuopaj landoj kaj grupoj da landoj, kies nomoj estas esperantigeblaj ĉefe laŭ la principo de analogio. Tute regula sistemo estas ĥimero.

* * *

(1) Vladimir PACJURKO: «Ukraino, Ukrajno; Ukrainio?», *Filologo*, n-ro 23, 1983, pĝ. 2-5.

(2) André ALBAULT: «Kontribuo al la Esperanta Toponimiko», *Akademiaj Studoj* 1983, pĝ. 180-195.

(3) Stefan MAUL: «Zimbabvo aŭ Zimbabweo?», *Monato*, n-ro 10/1983, pĝ. 26.

(4) Bernard GOLDEN: «Portugoj —nova nomo por la portugaloj», *Revista Portuguesa de Esperanto*, n-ro 47, 1983, pĝ. 7-8.

# MORTO KAJ SPRITA ŜERCO

Ĵus malferminte la ĵurnalon mi legas: «Kvar ĝendarmoj mortigitaj...». «Grava akcidento en nuklea centralo...». «Tertremo en...». Tio estas, ke Morto —tiel, majuskle—, sin amuzas ludante per la homaro, dancadas ĉirkaŭ ni kaj, ŝajne, sin komplezas ektimigante nin en la plej neatendita momento. Ĝi postulas ke ni dormu maltrankvile kaj ke nia vivo acidiĝu senhelpe. Bedaŭrinde! Eble ĉio estas invito al meditado ĉar, vere ja, oni ne neos ke estos sensencaĵo promeni tra strato kaj riski plenricevi tegolon sur la kapon aŭ eĉ tutan domon se temas pri tertremo. Kion vi pensas pri tio? Oni multe priverkis tio kaj mi ne pensas ke rimedon al tio oni trovis. Aŭ eble jes, ĉar ĉio tio estas videble tia aŭ alia laŭ tio, kiu estas la filozofo. Multaj mistikoj ekzistas por kiuj eĉ la nuna vivo estas naŭza. Ŝajnas al mi ke tio estas troigo. La fakto ke morto (nun minuskle) konstante ŝercadas pri ni, ne estas malhelpo por ke ankaŭ ni ŝercu pri la morto, se tio plaĉas al ni. Imagu dum momento, kiam oni veturigas amikon enterigotan, ke li ekkrias kaj piedbatas ene de la ĉerko, kaj ke per iom da fortostreĉo li sukcesas malfermi la ĉerkokovrilon. Ho, mia Dio! Kia kurado! Jen, la sakristiano ekapoganta la krucon sur la plej apudan muron; la pastro klopodante sin regi, tamen palvizaĝa; la tuta akompanantaro senkonsidere kubute interpuŝanta unu la alian, en plena malordo, fine ĉiuj pugnobatantaj sin reciproke por forkuri kiel eble plej baldaŭ; kaj je la fino, kaoso!

Ho! Ne ŝokiĝu pri tio, ĉar fakte oni ĉiam povus mencii ian katalepsian kazon, kaj ankaŭ diri ke tian ŝercadon oni jam eltrovis ja antaŭlonge. Konsideru, se ne, la longan serion da fabeloj kaj legendoj, kiujn niaj avinoj aŭ onjoj —mi ne bone memoras— rakontis al ni, pri apero de mortfantomoj noktomeze akurate; aŭ, tiel same, kiam la Morto, kun pli-malpli breĉetita falĉilo en-mane aperis el malantaŭ arbo por lukti kontraŭ iu malfeliĉulo, au ankaŭ rakonto pri homo kiu iris kun la morto mem por vidi kiom longa estas lia vivkandelo, en kavegon, kie tutcerte oni eltenis nek varmon nek fumon.

Ĉu vi vidas? Malfermu, do, la ĵurnalon, kaj ni vidos kiu venkos. Tio estas la plej bona rekomendo kiun mi kuraĝas fari al tiu, kiu sentas sian koron premita de tiom da malfeliĉegoj. Kaj se la homoj prizorgantaj la atomcentralojn; se la homoj kovantaj tion da malamo por fine pereigi aliajn, nur ĉar tiuj ne pensas same kiel ili; se la homoj manipulantaj la mondajn pupfadenojn, dezirus moligi sian koron per iom da sprita ŝerco, la mondo sendube fariĝus pli tolerebla, kaj estus jam sufiĉaj al ni la ordinaraj malfeliĉoj naturaj pri kiuj ni legas en iu ajn ĵurnalo ĉiutage.

Ha, kiom da malbono povas alporti al ni maljusteco kaj avido de superrego!

**Jozefo-Maria Pi**

# PREUNIVERSITATA KURSO PRI MATEMATIKO, KEMIO KAJ FIZIKO

Lastatempe abundas en la Esperanto-movado pluraj fakaj iniciatoj kies bazo ŝajnas pli kaj pli solida. Klara ekzemplo de tio estas la projekto verki lernolibron en la Internacia Lingvo pri matematiko, fiziko kaj kemio, instigita de S-ro A. Alonso Núñez. Mi devas konfesi, ke, kiam mi unuafoje kontaktis la aferon, mi ne povis eviti resti iom skeptita.

Temas pri tre ambicia projekto por kiu necesas granda penado. Tamen mi ricevis kelkajn informajn leterojn kiuj renversis mian opinion: la entuziasmo de la projektanoj baziĝis sur realaj ebloj. Nun ŝajnas al mi, ke ĝi estas unu el la plej interesaj, gravaj kaj pozitivaj projektoj iam prilaboritaj en la historio de la Esperanta Kulturo.

Ĝis nun aniĝis fakuloj kaj interesitoj el Fancio, Hungario, Svisio, Germanio, Usono, Austrio, Jugoslavio, Danlando, Irano, Hinda Unio, Urugvajo, Belgio, Venezuelo, Japanio, Britio, Soveta Unio, Ĉinio kaj Hispanio... kaj ricevis la apogon de la Internacia Asocio de Esperantistoj-matematitiskoj, la Internacia Scienca Asocio Esperantista, Universala Esperanto-Asocio kaj Hispana Esperanto-Federacio. Aliflanke grandan intereson montris la ĵus kreita Internacia Akademio de Scienco kaj Kulturo de San-Marino. Ĉiuj ĉi apogoj konigas la seriocecon kaj gravon de la afero.

La enhavon de la kurso konsistigas 20 kajeroj, kiuj pritraktos, je preuniversitata nivelo, ĉiujn elementajn kaj ĉefajn temojn de la koncerna fako. La celo estas ne nur eldoni la tekston sed ankaŭ organizi «vivan» kurson kiun povos partopreni interesitaj esperantistoj. Ankoraŭ oni ne certigas ĉu la tuta kurso okazos kadre de la Jubileo de Esperanto en 1987-a aŭ —tio dependas de la trovotaj kondiĉoj— oni ĝin okazigos per etapoj. En tiu senco la projekto atingis la apogon ankaŭ de la Hispana Jubilea Komisiono.

Ju pli da internacie enmovada apogo ricevos la afero, des pli ĝia pozicio fronte de oficialaj kaj universitataj instancoj solidiĝos. Tial necesegas la klara apogo —ne nur «vorta»— de ĉiuj esperantistaj asocioj.

Unuopaj esperantistoj kapablaj iel helpi la projekton, havas nun oportunon kunlabori por serioza kaj certe fruktodona afero. Ĉi tiaj konkretaj agadoj devas ricevi senheżitan apogon de ĉiuj esperantistaj sferoj. Nur per ili ni atingos ion por nia celo. Gravas subteni tion, kio elprenos nin el la konstanta rutino de nia agado.

Mi deziras aliflanke elstarigi la gratulindan emon de la instiganto, s-ro Alonso, prizorgi ĉiujn aspektojn de tia laboro, t.e. ne nur la bonan verkadon de la fake scienca enhavo de la kajeroj, sed ankaŭ la atingon de kunhelpantoj por lingva kaj humanisma superrigardo.

Ĉiu respondeca esperantisto devus pripensi ĉion ĉi. Dank'al via apogo la afero povus iom pli multe progresi.

MIGUEL A. SANCHO

Pliajn informojn bv. peti de: S-ro Antonio Alonso Núñez. Universidad de Santiago de Compostela. Facultad de Filología. Instituto de Idiomas (Curso de Esperanto). Santiago de Compostela (Hispanio).

# NIAJ GRUPOJ




**En la Grupo Ektagiĝo, s-ro Ismael Martínez disdonas trofeojn.**

ALCOY.—En la sidejo de la Grupo de Esperanto «Ektagiĝo» s-ano Ismael Martínez, profesoro de la Elementa Kurso, disdonis trofeojn kaj premiojn al la gelernantoj kiuj meritis ilin pro ilia entuziasmo kaj laboro en la propagando de Esperanto.

SEVILLA.—La lastajn tagojn de la monato Februaro vizitis la sidejon de Sevilja E-Asocio, la Vicprezidanto de Brita Esperanto-Asocio, s-ro Amador Díaz.

Granda afiŝo kun la teksto en hispana kaj en esperanta lingvoj «SEJO, Esperanto-Grupo» avertas al la publiko ke en la strato Pozo de nia urbo situas la ejo de la Kultura kaj Sporta Centro de SEJO, la junulara esperantista organizaĵo de Seviljo.

MALAGA.—La 2-an de marto vizitis nin, s-ano George Egerton, el Britio kun kiu ni interparolis dum nia vendreda kunveno.

La 17-an sammonate kaj en la sidejo de la Vegetarana Asocio prelegis pri «LA INTERNACIA LINGVO», s-ano Andrés Martín.

Ekde la monato junio, sami-

deanoj de Fuengirola gvidas elementan kurson de Esperanto en la proksima vilaĝo Benalmádena, aranĝita kun la helpo de la loka kulturdomo.

CASTELLDEFELLS.—La nova E-Grupo jam kuraĝigis aperigi revueton sub la titolo «K.E.G.» (Kasteldefels Esperanto-Grupo). Ĝi konsistas el 12 paĝoj enhavante plurajn artikolojn en la kastilia kaj en la esperanta lingvoj.

Al la nova revueto, kiun oni devas aldoni al la serio de bultenoj, revuetoj kaj informiloj aperintaj en nia Lando, ni deziras sukcesan vivon.

GIJON.—La 2-an de Februaro komenciĝis en la astura urbeto Avilés, elementa kurso de Esperanto gvidate de s-ano Santiago Mulas, Prezidanto de Astura Esperanto-Asocio. La kurso okazis marde kaj ĵaŭde, finiĝante en la monato marto.

La 1-an de Junio kaj en la Salono de la Art kaj Metillernejo de Avilés okazis la kursfina festo kun ĉeesto de pluraj estraranoj de Astura E-Asocio, inter kiuj estis la Prezidanto kaj Profesoro de la Kurso s-ro Mulas Gallego.

La 10-an de Majo, suferis gravegan akcidenton, nia kunsocietano kaj amiko s-ro Adonis González; pri la okazintaĵo ni povas legi en «HELECO»: «La pasintan 10-a de Majo, dek minutojn antaŭ la sepa horo matene, aŭtobuso per kiu vojaĝis laboristoj de Gijón ĝis Hunosa en Sotrondio, koliziis kontraŭ ŝarĝaŭto kaŭzante du mortintojn kaj dudek kvar



**Printempa korbopilka turniro. La C.B. Esperanto partoprenas.**

gravajn vundintojn inter kiuj estis nia amiko Adonis». Dank'al Dio li bone resaniĝas, kaj ni esperas ke en baldaŭa estonto, li denove povos aktivi en la movado.

CALLOSA DE SEGURA (Alicante).—De Aprilo ĝis Junio okazis en ĉi tiu urbeto korbopilka turniro en kiu partoprenas pluraj teamoj, unu el kiu nomiĝas ESPERANTO.

VALENCIA.—La 17-an de Junio okazis en Manises la 12-a Renkontiĝo de la Valencia Esperantistaro. Pri tiu evento ni esperas pli detalajn informojn de niaj valenciaj samideanoj.

# Internaciaj Kongresoj kaj Kunvenoj




**INTERNACIA FERIOSEMAJNO EN NORDA BAVARIO** (Federacia Respubliko-Germanio). Okazonta de la 11-a ĝis la 18-a de aŭgusto 1985-a en la bela urbo **Kronach** kaj tuj post la Aŭgsburga 70-a Universala Kongreso de Esperanto.

Dum la tagoj de la Feriosemajno la partoprenantoj travivos en internacia etoso, la diversajn aranĝojn programatajn, inter aliaj, interesajn ekskursojn al oldaj famkonataj urboj kaj kasteloj, migradojn en la belega naturo de la Frankonia urbaro, distrajn vesperojn k.t.p.

Kronach, mezepoka urbo, situas ĉe la zenito de la rapidtrajna vojo Munkeno-Berlino, kaj unuiĝas en ĝi tri riveroj venantaj el la Frankonia arbaro. Oni povas koni la Bambergan Pordegon, konstruita en la 13-a jarcento kaj kiu havis ĝis 1817-a unu turon. Sed la plej pitoreska turo staras ĉe la nordorienta fino de la urbodomo, iama sorĉistina turo. La urbo kaj la fortikaĵo estis du defendaj sistemoj por la sekureco de la loĝantaro.

Ĉiujare meze de aŭgusto oni travivas la tiel nomata «Oktobran festeton» okazante la pafista festo, kiu estas unu el la plej tipaj popolfestoj de la tuta regiono.

Pliajn informojn petu al: Fremdenverkehrsamt.; Postfach 510; D-8640 KRONACH (Fed. Resp. Germanio).

**100 JAROJ DE ESPERANTA KULTURO EN ZAGREB.** En la jaro 1987-a oni intencas okazigi grandan manifestaĵon okaze de la Centjariĝo de Esperanto, en la jugoslava urbo Zagreb, kaj kiel Postkongreso de la U. K. atendante gravajn rezultojn kiel la aktivigon de forta informado pri Esperanto kaj ĝia kulturo, novan E-revuon, ke la Televido de Zagrebo preparos apartan televidserion pri E-historio k.t.p.

Se vi aliĝas tuj, vi recevos regule bultenon pri la evoluo de la aranĝo, senpage kaj la aliĝkotizo estos nur la duona, kaj pagota en 1986-a.

**69-a BRITA KONGRESO DE ESPERANTO**, okazonta de la 5-a ĝis la 8-a de Marto de 1985-a en la urbo Llandudno (Kimrujo), ĉe la norda marbordo inter belaj maraj strandoj kaj alloga kamparo. La kongreso okazas unuafoje en Kimrujo, kaj kvankam ĝi havas multajn aspektojn komunajn kun sia najbara Anglujo, ĝi posedas sian apartan kimran kulturon kaj lingvon.

Oni aranĝos malmultekostajn loĝejojn, kaj oni sendos pliajn informojn pri hoteloj, kaj kondiĉoj mendante al: s-ro Eric Fowden; 64 Bryn Castell; **Conwy**, Gwynedd (Britujo, LL 32 8LF).

# NOVAĴOJ PRI REVUOJ

**LASTMOMENTA NOVAĴO.**—La prestiĝa magazino MONATO ne ĉesos aperi. Post gravaj malfacilaĵoj, ĉefe financaj, kiuj riskis malaperigi tiun internacian magazinon, bonŝance, oni daŭrigos ĝian eldonadon kondiĉe ke la revuo ricevos pli vastan subtenon de la E-movado. Por tio oni bezonas ke la esperantistaro abonu ĝin, ĉu individue, ĉu grupe. Petu informmaterialon de MONATO, Frankrijklei 140, B-2000 ANTWERPEN (Belgujo).

**NOVA GAZETO APERIS.**—Bonkvalita gazeto titolita «Voĉo por Handikapuloj» ĵus aperis. Temas pri tre interesa gazeto por ĉiuj, kaj humanece oni petas vin propagandi inter la esperantistoj kiam vi konos ĝin. Abonoj estas eblaj mendante al: Internacia Asocio de Handikapitaj Esperantistoj. Skolska ul. 25; 56227 BOROVO (Jugoslavio). Abontarifo: 6 $ aŭ egalvaloro.

# Ĉu memreguliĝas la homa loĝantaro?

*Doktoro Octavio Aparicio*
*Tradukis: Luis Martín Herrero*



Pluraj informaj fontoj koincidas kiam ili asertas ke ĉirkaŭ la jaro 2000, tio estas post 20 jaroj proksimume, la homa loĝantaro monda superos la 6.000 milionojn da individuoj kun oscila diferenco de 500 milionoj, variante tiel inter 6000 kaj 6500 milionojn.

Tiu ĉi cifero estas 50 procentojn supera je la nuntempa loĝantaro kaj ĝin manipulas la novaj maltisanoj kaj la defendantoj de la familia programado kun la celo malpliigi intence, la homan fekundecon uzante plurajn klasojn de antikoncipiloj.

Tiu ĉi celo ne konsideras du evidentajn faktojn: Unue, hodiaŭ ne ekzistas kontraŭkoncipa metodo ideala, kvankam oni atingis nivelojn de efikeco kaj sendanĝereco tre akcepteblaj; Due, dum la 8-a Monda Kongreso de Fekundeco kaj Sterileco oni informis ke la analizoj faritaj dum la lastaj dek jaroj en Usono, demonstris ke la nombro da spermatozooj en unu kuba milimetro da spermo malpliiĝis por la meza usonano de cent al kvindek milionoj, tio ŝajnas demonstri ke por la moderna homo, la fekundeco malpliiĝas evidente.

Tio ĉi signifas ke la naturo spontane kaj nature havas propajn rimedojn por ĝustigi la naskan povon laŭ serio de faktoroj favoraj aŭ malfavoraj. Nu, ni povas demandi nin, kio okazas en Usono, superindustria lando, kun alta vivkosta indekso, kun ampleksaj spacoj kaj plenplenaj provizejoj, por ke ĝiaj viroj estu malpli «patroj» ol iliaj avoj? Sed tio ĉi ankaŭ okazas en regionoj de Hindujo, kie la sterileco ambaŭseksa leviĝas ĝis 45 procentoj.

Tie ĉi mankas la «vitala spaco» ankaŭ la malabundeco de nutraĵoj kaj staplado humiligaj fenomenoj kiuj ne estas ekskluzivaj de Hindujo aŭ Ĉinujo, sed ankaŭ prezentiĝas en la kvartaloj de la urbegoj, kiel Novjorko, Meksikio, Rio de Janeiro, Tokio, kaj tiel plu.

La fino de la Dua Mondmilito markis limon en la demografia kresko de la monda loĝantaro. Ĝis tiam, la homa fekundeco havis duoblan bremson: la infektajn malsanojn kaj la militojn. Se ne paroli pri la Nigra Pesto, kiu dum la 14-a jarcento mortigis la trionon de la loĝantaro, ni scias ke dum tiu ĉi jarcento mem kiun ni travivas, la fama gripo de la j. 1918-a kaŭzis pli da mortoj ol kaŭzis viktimojn la Unua Mondmilito. Sed dum la lasta milito 1939-1945 okazis la plej eksterordinara terapeŭtika revolucio. La insektomortigoj ekstermis la insektojn portantojn de mikrobioj produktantaj transmisieblajn malsanojn. La sulfamidoj kaj unuaj antibiotikoj demonstris ke oni povus venki la plagojn kiuj skuis la homaron dum miljaroj.

Nuntempe estas centoj da antibiotikoj kaj la homo mortas pli maljune kaj pro degenerigaj malsanoj. Aliflanke la atoma danĝero malpermesas al la grandaj potencoj komenci la Trian Mondmiliton. La homoj ne havas kaŭzon por morti kaj la loĝantaro maljuniĝas.

Mi ne scias ĝis kia punkto estas «egoismo» aŭ ordono de «senkonscia kolektivo» kio lanĉis la familian programadon kaj la kontraŭkoncipilojn kaj la seksecon kiel manifestiĝon de amoro kaj korpa plezuro, sed ne kiel motoron de naskiga genio. La rezultato estas ke en la okcidentaj landoj apenaŭ estas infanoj kaj ĉiufoje estas pli granda la nombro de maljunuloj, kio stariĝas problemegon ekonomian, socialan kaj emocian.

Ĉu estas pro tio ke la viroj produktas spermon duone malpli fekundan ol la homoj de antaŭ unu aŭ du generacioj? Tiel same la sciencaj homoj, kiel la politikuloj okupiĝas pri la problemo de la seksaĵoj pro du aŭ tri kaŭzoj.

La unua estas tiu lanĉata nun en Hispanujo, nome la familia programado kaj la instruo de kontraŭnaskaj metodoj por ne generi filojn. La dua estas la dorso de la sama monero: la plibonigo de la fekundeco. La fonduson kiun antaŭe oni aplikadis por perfektigi la kontraŭkoncipon, nun oni oferas al tiuj kiuj esploras la manieron pliigi la fekundecon kaj lukton kontraŭ la sterileco. La tria problemo estas tiu de la virineskaj viroj kaj tiu de la safismulinoj, tio estas, de la homoseksualuloj aŭ «gays» kiel nun oni diras, ke certe ilia pliigo estas alia rimedo de la saĝa naturo por malpliigi la nombron de naskiĝoj. Pro tio, la «gays» estas super la kresto de la marondo plej progresema de la nuntempo.

# 45-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO
## (**Kartageno**, 5-9 Julio 1985-a)




Kartageno, bela urbo, historie ligita al la maro kaj aktuala industria kaj mara urbo kore invitas la enlandajn kaj eksterlandajn esperantistojn por la venontjara Hispana Kongreso de Esperanto.

La ĉeftemo de la Kongreso estos: *»La maro kiel faktoro de internacia komunikado»*

Kongresejo: »*Universitata Restadejo Alberto Colao*

La **Provizora Programo** antaŭvidas krom la kutimaj oficialaj aranĝoj (Fakajn kunvenojn, kunsidon de la estraro de H.E.F. kun Delegitoj de Grupoj kaj Sekcioj, kunsidojn de la Hispana Jubilea Komisiono, ĝeneralan kunsidon de H.E.F.) interesajn programerojn kiel diversaj **ekspozicioj pri pentroarto kaj keramikaĵoj** far de samideanoj de la regiono; prezentadon de la **Polifona Koruso KARTAGO-NOVA** kiu ludos, esperantlingve, popularajn kantojn; trobteaman vesperon kun la partopreno de la plej famaj trobadoroj de la regiono.

La programo ankaŭ antaŭvidas interesajn prelegojn pri la kongresa temo.

Krom Simpozio pri la Jubileo de Esperanto, oni aranĝos alian pri la submaraj inventaĵoj kaj vojaĝoj.

Ĉiam rilatanta la maron oni vizitos la urbajn artaĵojn: Preĝejon S-ta Maria de la 1-a jarcento, do unu el la plej malnovaj preĝejoj de nia Lando; Arkeologian Muzeon kaj la Arkeologian **Ma**ran Muzeon.

Je la fino de la Kongreso oni aranĝos tre interesan kaj allogan **tuttagan ekskurson** vizitante i.a. **la** golf-ludejon en la Mar Menor (Malgranda Maro) post la tipa manĝo de la «Kaldero».

Poŝta Adreso: 45-a Hispana Kongreso de Esperanto; Apartado 461; CARTAGENA (Murcia) Pli detalajn informojn aperos en venontaj numeroj de BOLETIN, sed, intertempe, kial ne plenigi la aliĝilon kaj sendi ĝin al niaj samideanoj en Kartageno?

# „AGADO E-3

## (INTERNACIA KAMPANJO POR SOLIDARECO KUN BLINDULOJ)




**Veturanta okulkliniko de Agado E-3.**

Por multaj esperantistoj ankoraŭ estas tute nekonata tiu internacia kampanjo, kiu ekzistas sub la titolo AGADO E-3. Kaj tamen, ĝi funkcias de antaŭ 17 jaroj, kun la sola celo batali kontraŭ la blindeco kaj la okulmalsanoj en neevoluiĝintaj landoj.

La kampanjo ricevis tiun signifoplenan titolon, kiu kaŝas per trifoja litero E la plej belan signifon: **Esperantistoj Esperigas Esperantojn**, ĉar ne vane en nia himno «La Espero» jam d-ro Zamenhof kantigis sian koron pri «Nova Sento» kiu venis en la mondon, kaj forta voko vekanta la homan familion pacbatalanta al sankta harmonio.

Iniciatoro kaj respondeculo pri tiu kampanjo estas s-ro Jacques Tuinder, kiu kun sia edzino Vera aktivas por aranĝi la kampanjon kaj ricevante monhelpon dissendi ĝin al la diversaj projektoj helpontaj.

Tiel, **Agado E-3** simpatias kun la laboro de pastroj, kuracistoj, homoj kiuj laboras en la plej malriĉaj landoj de la Tria Mondo, al kiuj helpas, laŭ la eblecoj, per sendo de kestoj kun okulvitroj, materialo por instrui blindulojn, k.t.p. Tamen, la klientaro kreskas ĉiutage, kaj la esperantistoj povas respondi diversmaniere al la petoj de s-ano Tuinder.

Kiel ni povas helpi? Unue, kompreneble, sendante monon; sed, ankaŭ sendante okulvitrojn jam ne utilaj por ni, aŭ alian objekton rilatantan la blindeco; sed, inter la esperantistoj, estas multaj helpantoj de la Orienta Eŭropo kun valutproblemoj, kiuj amase sendas objektojn, kiujn la kampanjo bezonas monigi por helpi la blindulojn. Do, ni ankaŭ povas helpi mendante nacikostumajn pupojn, gramofondiskojn, librojn, lignoskulptaĵojn, bildkartojn kaj poŝtmarkojn el Orienta Eŭropo.

Por pli detala informo, skribu rekte al la respondeculo:

S-ro Jacques Tuinder, Henegouwenlaan 35; **1.966 RH. HEEMSKERK** (Nederlando).

Por subteni la agadon, sendu mondonacojn al:

**AGADO E-3**; Rabobank, Konto 10.73.00,990, BEMERWIJK (Nederlando) aŭ al la Poŝta Konto 10 20 100 je la nomo J. A. Tuinder. HEEMSKERK, menciante sur la slipo la nomo de la kampanjo.

# POEZIA ANGULO

## SKULPTAĴOJ

Ĉiutage,
frumatene
irante al la laborejo
mi ŝatas sidi iomete
sur iu benko
en la ĝardeneto
de nia urba biblioteko.

Trankvila,
donas ĝi al mi trankvilon
Printempe,
vintre,
en somero varma,
aŭ en la ora vesto
de la aŭtuno
ĝi estas ĉiam varieca.
En ĉiuj tagoj
estas ĝi por mi karega.

Hodiaŭ deziris mi denove
saluti ĝin
Rediri «Bonan Matenon»·
al mia amikino
al ĉiuj floroj, arboj...
Respondis ĥore, flustre
de ĉiuj flankoj:
«tenon..., tenon...»

Rigardis mi:
Ĉu estas sonĝo?
En kiu lando mi troviĝas?
Virinoj kun infanoj,
gejunuloj,
laboristoj-viroj fortaj,
birdoj,
bestoj
De kie vi alvenis?!...

Jen du geknaboj,
verŝajne geamikoj,
sidante
ion priparolas.
Ĉu pri la ekzamenoj
opiniojn intersanĝas?
Ĉu pridiskutas
ion interesan?
Aŭ tiel simple,
pri la vivo
pri iu bela, bela,
siajn junajn pensojn
unu al la alia
kun entuziasmo
ili nun esprimas?

Mi vidas - flanke
staras junulino.
Nenion,
kun neniu ŝi parolas
Nur la okuloj bluaj
vagas
al malproksima suno!
Pri kio ŝi nun revas?,
Kion ŝi deziras?

Sidante en la proksimeco
ripozas post laboro
virino sola.
Rigardas al la gejunuloj
pensante pri la tagoj
en kiuj
kun la sama vervo
rigardis,
serĉis en la horizonto,
proksime al la suna brilo
feliĉon, ĝojon por la vivo...

Turniĝas mi:
du bravaj gejunuloj

trovinte la feliĉon
salutas min
Do, vidu
Ni kune marŝas nun!
Ni kune iros ĉiam
en la estontecon!
Feliĉon ni ne serĉas
Ni kreas ĝin!
La timon
ni ne konas.
Ĝi restis
en la pasinteco.

Proksime de la feliĉuloj
sportistoj kuras...
Ĉu tio estas
ankaŭ feliĉo?

Mi daŭrigas mian promenadon
en tiu stranga lando

Dekstren turniĝante
mi haltas kun estimo
Jen viro - forta laboristo,
nelacigebla metalfandisto.
Virino bela,
kun juna brusto,
peza
de lakto ŝvela
mamnutras
sian ĉarman
suĉinfanon.

Kreitaj el granito
bronzo.
Kreitaj
kun grandega amo.
Faritaj
de benitaj manoj,
sed vivante,
nun ili ĉiuj staras
en la ĝardeneto
de nia urba biblioteko.

Mi venas ĉiutage,
frumatene,
irante al la laborejo
por diri ĉiutage
«Bonan matenon»
al miaj
novaj geamikoj.

Verkis: Lilija Koleva

---

# AL MARIA

Kun vi:
amo, feliĉo, ĝojo;
sen vi:
tristo, angoro, soleca vojo...

Kun vi:
kantoj, kisoj, ridoj, floroj;
sen vi:
larmoj, sopiroj, rememoroj...

Kun vi:
suno, tago, lumo, belo;
sen vi:
nokto, doloro, malhelo...

Kun vi:
iluzioj, mildeco, revoj;
sen vi:
malespero, morto, veoj!...

Kun vi:
maro, ĉielo, printempo, papilio;
sen vi:
korvoj, silento, vintro, melankolio...

Kun vi:
ĉie, ĉiom, ĉiam, ĉio;
sen vi:
neniu, nenie, nenies... la nenio!

PETRO

# RADIO POLONIA

La 4-an de Aprilo, oni festis la 25-an datrevenon de la komenciĝo de la ĉiutagaj elsendoj de Pola Radio, kies eksterlanda fako de antaŭ kelkaj jaroj nomiĝas RADIO POLONIA, en la internacia lingvo ESPERANTO.

Nun RADIO POLONIA emisias sesfoje tage en la Internacia Lingvo kaj krom novaĵoj kaj komentarioj pri polaj kaj internaciaj temoj, oni parolas pri soci-ekonomiaj, scienc-teknikaj, kulturaj, turismaj, sportaj kaj muzikaj temoj, kaj ankaŭ, vastskale, pri la Esperanto Movado en Pollando kaj en la tuta mondo.

Okaze de la menciita datreveno la esperantistaj aŭskultantoj povis aŭdi tri specialajn elsendaĵojn.

En unu el ili la pioniroj de la varsoviaj ĉiutagaj elsendaĵoj, Ada Fighiera-Sikorska, Jerzy Grum, Andrzej Pettyn kaj Jerzy Uspienski rakontis pri la malfacilaĵoj, spertoj kaj ĝojoj de la unua periodo en 1959 kaj prezentis plurajn konkludojn pri la radio-uzo de Esperanto ĝenerale.

Lige kun la evento okazis la 4-an de Aprilo solenan redakcian kunsidon en kiu partoprenis, krom la malnovaj kaj novaj laborantoj kaj kunlaborantoj, la direktoro de RADIO POLONIA, red E. Makuch.




La 25-a datreveno de la komenciĝo de la Esperantlingvaj radioprogramoj estis motivo por ke la redakcioj de aliaj lingvoj donu atenton al Esperanto kaj, kompreneble, al tiu grava kaj historia evento.

La 4-an de aprilo, s-ro A. Pettyn en la franclingvaj programoj de RADIO POLONIA respondis al franclingvaj demandoj en Esperanto kaj franclingva redaktoro tuj interpretis la enhavon. En la intervjuo oni donis specialan atenton al la kontaktoj kun francaj aŭskultantoj kaj faka apliko de Esperanto en la mondo.

La 5-an, s-ro Pettyn donis 10-minutan intervjuon pri Esperanto kaj la 25 jariĝo de la E-elsendoj al la Itala Redakcio kie oni donis apartan atenton al «Esperanto kaj edukado» menciante ĉi koncerne ge-sroj Dazzini.

La 14-an de aprilo, s-ro Pettyn rakontis germanlingve en la germana elsendo de RADIO POLONIA pri Esperanto kaj pri la redakcia jubileo.

Aliflanke, kaj okaze de la Jubileo, la Muzika Redakcio de RADIO POLONIA aŭdigis la 4-an de Aprilo koncerton kun komponaĵoj de Chopin en kiu estis esperantlingvaj anoncoj.

# KVINDEK JAROJN DE ESPERANTO



Veterana pioniro de Esperanto, Frank Buckley, angla advokato, de 620, Filton Avenue, Bristol, Britujo, daŭrigas ricevi gratulojn, donacojn kaj bondezirojn, je la okazo de sia 70-a datreveno, de samideanoj de multe da landoj de la Esperanto Mondo. Grupoj kaj kunvenoj lin invitis viziti ilin por la prezentado de sia lumbilda kaj magnetofona parolado «Kvindek Jarojn de Esperanto».

Frank estas unu el la pioniroj de la Esperanta movado inter la du Militoj kaj oni lin rememoras per siaj teatraĵoj kaj disvastigaj skizoj kaj tradukoj. Oni rememoras la komediojn «La Ĉehoslavaka Porko», «La Domo Fantomata», «La Feliĉa Familio» kaj «La Blua Bovino».

Li registris ĉi tiujn, kaj tradukojn de «Neĝulino», «Hamleto» kaj la «Sonĝo de Mezsomera Nokto» sur metalfadeno por disvastigo per Radio Praha kaj aliaj disvastigiloj en la primitivaj tagoj antaŭ ol la uzado de modernaj ruband-magnetofoniloj.

Li registris ankaŭ sonrubandojn por fruaj 16 mm sonfilmoj esperantaj kaj tradukis kaj registris sonrubandon por la filmo «Neĝulino kaj la Sep Koboldoj» kun kantoj kaj muziko.

Dum 1930-1940 li vizitis kongresojn, grupojn kaj maljunajn esperantistojn por kolekti anekdotojn kaj rakontojn pri Zamenhof kaj la unuaj pioniroj de la lingvo, kaj li nun estas ligilo pri la formitaj tagoj de la Esperanto Movado.

Li estas talenta komponisto kaj verkis muzikon por filmoj kaj teatraĵoj. Sian uverturon «Esperantiana» oni ludis unue je la Brita Kongreso en Weston-Super-Maro per simfonia orkestro kaj estas fantazio de naciaj himnoj batalante unu kontraŭ la aliaj kun la ario «L'Espero» finfine triunfa. Tre populara ankaŭ estas sia kongreskanto «Ĝis la Reveno».

Li estis Assistant Director de la British Red Cross Society kaj organizis helpajn operaciojn por la Ruĝa Kruco kontraŭ tertremoj, inundadoj kaj malsategoj. Li bone parolas eŭropajn ligvojn, sed trovis Esperanto grandan helpon en tiuj katastrofoj kaj ofte rekrutis Esperantan kontakton kiel interpretisto.

Frank posedas la Diplomon de la Brita Esperanto Asocio (D.B.E.A.) kaj estas Cseh instruisto. Sia Esperanta stilo estas eleganta kaj simpla post profunda studado de la verkojn de Zamenhof kaj la unuaj verkistoj kaj poetistoj. La prezentado «Kvindek Jarojn de Esperanto» estas antologio kaj kolekto de Esperantaj verkoj kaj kantoj lerte elektita kaj profesie produktita.

Dum longa vivo, Frank Buckley konstante laboris por Esperanto kaj en la kampo de internacia helpado post milito kaj naturaj katastrofoj. Multe da samideanoj ĝojos revidi ilin dum sia jubilea rondiro.

B. E. S.

# RECENZOJ, RECENZOJ, RECENZOJ

## KIUJ SEMAS PLORANTE

Aŭtoroj: Eva Tófalvi kaj Oldřich Knichal. Eldonas U.E.A., 1984. Formato A5 kun 108 paĝoj. Broŝurita kun dukolora plastumita kovrilo, speciale desegnita de Franko Luin. Prezo 838 pesetoj.
La verko gajnis la unufojan Premion Raymond Schwartz por proza en 1980-a.

«Kiuj semas plorante...» estas psikologia, intima romano, kvazaŭ taglibro de la protagonisto, kiu rakontas pri siaj viveventoj kaj siaj psikaj sintenoj kaj reagoj al la vivo. La aŭtoroj montras, kiel homo povas erarvagi sub la influo de politika ideologio ĉi-kaze naziismo— ĝis perfido al siaj kunhomoj kaj eĉ intimuloj. La stilo estas modera, sen superfluaj precizigoj. La konstruo estas kohera, ne dispeciĝas en ĉapitrojn. Personecaj karakterizoj estas sukcesaj, sociaj kaj politikaj eventoj klarigas el cele efikantaj dialogoj kaj sobraj evidentigoj.
Por la Premio konkursis dek manuskriptoj de naŭ aŭtoroj el ses landoj.
Eva Tófalvi naskiĝis en Mohács, Hungario, en 1947-a. Ŝi estas diplomito de la Universitato Eotvös Loránd, Budapeŝto, pri la hungara kaj Esperanta filologioj. Ŝi jam gajnis kvar aliajn premiojn en la Belartaj Konkursoj de UEA. Ŝi estas la ĉefaŭtoro de «Kiuj semas plorante...». Oldrich Knichal naskiĝis en Humenné, Ĉehoslovakio, en 1939-a. Li finstudis historion kaj filologion en Prago. Ekde 1981-a li estas redaktoro de la slovaklingva gazeto en Budapeŝto. En 1982-a li gajnis la Premion Luigi Minnja pro eseo, Eva Tófalvi kaj Oldrich Knichal estas geedzoj.

**Suno**

## LA VIVO DE D-RO L. L. ZAMENHOF EN BILDOJ

Aŭtoro: Henk Thien. Eldonas UEA, 1984. Formato 21 x 29 cm. kun 128 paĝoj. Prezo: 1.676 pesetoj.
La grandformata libro estas laŭtempe ordigita dokumento pri la tuta vivo de la iniciatinto de la Internacia Lingvo Esperanto. Sen analizoj aŭ provoj al interpreto oni povas sekvi lian vivon, jaron post jaro, kun la helpo de 114 elektitaj fotoj kaj 25 mapoj, presitaj sur luksa papero. Aperas ankaŭ konsiloj kiel uzi la bildlibron por artikoloj aŭ en klubvesperoj, kie oni povas aranĝi kursojn.

**Suno**

# DEZIRAS KORESPONDI

Kun hispanaj junuloj pri ĉiaspektaj temoj, ĉefe: muziko, pentroarto kaj sporto, 18 jaraĝa junulino kiu kolektas diskojn de diversaj mondfamaj ensembloj. F-ino Fórizs Anita; Jokai ut. 41; 3.200 GYONGYOS (Hungario).

30 jaraĝulo komprenante la hispanan lingvon pri ĉiu temo. S-ro Lygmunt Chojnacki; Grodzienska 1 u 15; 94-016 LODZ (Pollando).

Germana samideano ofertas jaz kaj klasikajn diskojn kontraŭ E-librojn, rok kaj popdiskojn. S-ro Hans-Georg Kaiser; Wenzelstr. 12; 7.400 ALTENBURG (D.D.R.).

Kun hispanaj samideanoj kaj ricevi materialon rilate la E-movado en Hispanio, ĉefe revuojn, librojn, afisojn, k.t.p. F-ino Rosa B. Castañeda Guerrero; Apartado, 60; SANCTI SPIRITUS (Kubo).

Klubo Tutmonda Amikeco, kun gelernantoj de la Internacia Lingvo. Ili interŝanĝos revuojn kaj esperantistan materialon. Skribu al: Klubo Tutmonda Amikeco; II Liceo Tas-Subien; HAMRUN (Malta).

# NOTO

Kieva Esperanto-Klubo de Internacia Amikeco «Ora Pordego» deziras ricevi, kun la celo disvastigi Esperanton kaj kontribui al la prezento de la problemoj pri medioprotektado, afiŝojn kaj ekspozician materialon pri la temo, kun la celo organizi ekspozicion fine de la jaro pri la temo: «NIA HEJMO, LA TERO». Ankaŭ estas bonvenaj afiŝoj pri kontraŭafuma kaj kontraŭalkohola temoj. Sendu ĉion al «Ora Pordego»; s-ro Mihail Lineckij; P.K. 539/1; 200 KIEV SOVETUNIO, 252.200.

# NEKROLOGOJ



Estante en Barcelono, mi vizitis la ejon de Barcelona Esperanto-Centro kaj tie mi sciis pri la forpaso de du bonkoraj homoj kaj sinceraj esperantistoj kiujn mi persone konis.

Unu estas **s-ano Ramón Fernández Jurado**, membro de Hispana Esperanto-Federacio kaj partopreninto en pluraj Naciaj E-Kongresoj kaj kiu, dank'al sia entuziasmo kaj laborkapablo, sukcesis starigi novan E-Grupon en sia loĝurbo Castelldefels.

La alia estas s-ano **Zbigniew Dobrzynski**, membro kaj fondinto de Pola Esperanto-Teatro kiu kune kun sia edzino Kalina Pienkiewicz plurfoje riĉigis la artan eron de niaj Kongresoj per ilia talenta aktoreco.

Mi havis la plezuron koni lin persone kaj paroli kun li kaj sia edzino plurfoje tiel dum la Naciaj Kongresoj kiel okaze de Universalaj Kongresoj.

La forpaso de ambaŭ samideanoj estas grava perdo por la E-movado.

L. HERNANDEZ

